# PENSEO

N-ro 294

apr. / 2016

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 27-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### persisto

sidante sur la pinto de arbido,
atendas mi ke la kresko min levu
sur la ĉielon. kelkdek jaroj pasis.
olda mi volas: junon ne forrevu.

2013.02.20

### nekompareble

sur la ruino viva, mi starigis ĥaton.
sarmentoj de legomoj la tegmenton kovras.
prospero riĉas frukte super mia kapo.
venas graveda ino. antaŭ ŝi mi povras!



2013.02.21

### nesinkrone

flugante lumrapide, mi helikon ĉasas
sed tiu sur la tero iras dorsdirekte.
kvankam sufiĉe cirkla restas la orbito,
renkonti ĉiam estas maltrafi perfekte.

2013.02.22

### proprumo

tombopriŝtelisto sin ankoraŭ viva enterigis.
laŭ la spuroj li ne povas iri al planita onto.
la riĉaĵo de alia neniam ja estas lia,
eĉ se li nun kuŝas kun la damo en la transa
mondo.

2013.03.22

## Mori (Usono)



### RESPONDO

Hakim Logman, la saĝulo,
antaŭ longa tempo deklaris :
Neniu medikamento pli efikas ol amo!
Kaj oni demandis , kion ni faru kiam tio ne
efikas ?
kaj li respondis:
ankoraŭ pli da amo ,
kaj li aldonis;
Respondu Saluton per saluto,
kaj dankon per humileco,
Respondu venĝemon per pardono,
kaj malafablecon per afableco,
mensogon per verdiro,
malamikecon per amikeco,
koleron per pacienco
Malvarmecon per Varmo,
perfidon per fideleco,
persiston per kuraĝigo,
malĝentilecon per silento,
afablan rigardon per rideto,
rideton per rido,
respondu al senesperulo
per espero,
atendanton per promeso,
kaj kulpon per pardono.
Neniam, nenie, nenion
kaj neniun lasu sen respondo,

Estu certa ke iam, ie, kaj iel
revenos al vi via RESPONDO.

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Edziniĝo

La 19-an de Marto
mi edzinigis la filinon
laŭ takto de sonĝo.

Kaj svenas somero
en ĉi tiu nokto
delikata de aŭtuno.

Tiam mi trinkas
la lastajn brilegojn
de la luno
irante hejmen
por danci menueton
kun saŭdado.



Juiz de Fora, 22/03/2016.

### Kompato

En Dio ni vivas,
moviĝas kaj ekzistas,
kantas l' Apostolo de l' Paganoj.

Ni bezonas unu la alian,
por esti ni mem,
konkludas Sankta Aŭgusteno.

Sed ni bezonas nin mem
por ke unu de la alia
vere povu esti ni.

Juiz de Fora, 14/03/2016.

## Dimitrije Janicic (Serbujo)



### POETO

Eble, poeto vi esti deziros…
Blua sango el inko,
tiu fantaziema trinko, –
sur blanka papera kampo
sub malcerta rememora lampo
vi metos sonĝojn
ne suferante ies ajn longôn
ke de ĝi eĥu muta krio
por beleco – kontraŭ ĉio.

Se vi, tamen, poeto esti deziras…
Viaj multaj belaj voladoj
forportados homajn tornadojn
ili ekfluados en eternecon
restigante al vi nur premo
ĉiama poeta anatemo
el malmilda ĉiutageco.

Tamen, se poeto vi fariĝas…
Neniam vi atendu rekonon,
nek vi perlaboros monon,
ĉar poeta krio, ĝemo, ploro,
malfermitaj animo kaj koro
eble estos iam temo por esploro.

## Paŭlo Silas (Brazilo)



### SENMEZURAJ

10 000-kilometra ponto trans valprofundo
Dum 2-centimetra grajn' en ter-utero.
Raŭp' antaŭa kaŝas sin sub papilibunto.
Vidas bril', sur nigra fon', de si, ĝemelon.

La sabler' sur firmament', en blu-abundo.
Kaj tektona plat' eniras en funelon.
Kie videbliĝas vol'? Ĉu sur la frunto?

Absoluta dir’ pri relativa vero.

## Andres Turrisi (Italujo)



### Franĝoj

En mi superas amon la malamo
ĉar vi pli fortas; vivas tia flamo
ĉar vi komprenas min kaj suferigas,
ĉar vi vivigas min kaj min mortigas.
Mi vin malamas ĉar mi opiniis
ke staras mur’ defenda ĉirkaŭ mi;
sed poste venis vi,
kaj la ŝirmil’ fariĝis tuj maltaŭga.
Mi vin malamas ĉar mi opiniis
ke mi fariĝis ŝtona,
sed estas nure vi ŝtoneg’ en maro,
dum iras kaj revenas mi, ondaro.
El mi multe, tro multe prenis vi;
mi petas vin, bonvolu min ne rabi,
ĉar mi volas el mi
ion teni kaj savi.
Mi vin malamas, tre mi vin malamas,
kvankam samtempe ege mi vin amas,
ĉar vi, facile, min rezigni povas.
Sed certe, se mi volas,
de mia kor’ eĉ vi povas foriĝi.
Mi vin malamas, ĉar se ni kunestas
ni estas samaj; krome ni forestas
laŭvole, kaj perdiĝi
ni scias, reciproke rigardante
profunde en l’ okulojn, senamante.
Sed, kunestante, agi kvazaŭ sola
el ni nur vi kapablas.
Pro tio vin tutkore mi malamas.
Sed povon vian ne eluzu vi,
ĉar eĉ malami povus ĉesi mi.



## Cezar (Germanujo)



### Paniko, paniko!

Estis jam malfrue.
Subite domo tordiĝas.
K., kiu ne volis kompreni tion,
rigardas el la fenestro.

Nigraj arboj disrompiĝas.
Ino kriĉas.
Aŭtoj saltas antaŭen.
Ĉiuj kuras rapide
al la savelirejo.

Sinjoro K., en la mezo,
embarasita.
Paniko kaptas lin.
Amasoj lin timigas.
Nur for, nur for de ĉi tie!

Avertlampoj signalas histerion.
Sireno ekhurlas:
Ŝtormvento.

Kie estas la savelirejo?!
Kie estas la savelirejo?!
Savelirejo? Damne! Tio
ja ne estas savelirejo!

Ŝovado. Puŝado.
Fine ekstere.
Infanplorado.
Ekpluvas,
subite kaj draste.
Plakatoj m o l i ĝ a s.
Afiŝkolonoj s i n k a s.

Ĉiuj esperoj entombigitaj.

Sinjoro K., kiu neniam fidis pri si,
pensas ankoraŭ:

Vi, kiu vi neniam estos.

Ombroj, ombroj.
Paŝoj, paŝoj.
Neonlumoj. Hupado.
Sanitaraŭto, fajrobrigado.
Frida negocfervora
ordigado kaj fermado
de la vicoj.

Tro malfrue, tro malfrue.
Tio ja ne estis
savelirejo!

Sinjoro K. kuras ankoraŭ plu.
Sinjoro K., kiu neniam rajtis esti.
Sinjoro K. , kiu devojiĝis.
Sinjoro K., kiu tuj malaperos.

## Paŭlo NASCENTES (Brazilo)




### DUOBLAĴO



kvazaŭ intimaj fratoj
kompletiga ĉiu ul':
PaŭlOluap sin rigardis
ambaŭ kiel spegul'
kie Oluap kuraĝo
Paŭlo timo sin kaŝadis
kie Paŭlo vora aĵo
Oluap senmanĝadis
se Paŭlo ja kuraĝego
Oluap moderemo
Paŭlo eĉ frenezego
Oluap scipacemo
Paŭlo konon deziradis
juĝis sin kun granda scio
Oluap ĉefe sento
pleno saĝo intuicio
Paŭlo sin plibonigadu
haston devus li pretendi
Oluap trankviliĝadu:
eterna, povus atendi
Paŭlo pli kaj pli urĝeco
plia sperto plia atent'
Oluap spertgardem':
— sci' aŭdac' vol' silent'

## Olga Xirinacs (1936-)



### PRENU ROZOJN

Rigardu, nur momenton. Kontemplu
kiel la printemp' sang-verda jam eniras.
Pretigas mi notlibron por skribi iomete
pri tiu fenomeno alvenanta silente.
Eble venteto, eble mistralo
movigas la foliojn de la melioj,
de la moruso-arboj kaj de l' avelujoj,
kunportos la parfumon de hiacintoj sur
placojn,
sur ĵusaj tombojn kaj tiujn forgesitajn,
kaj al vivantoj kaj mortintoj memorigos ke en
ĉi monato marto
estas tago nomata de l' poetoj. De l' Poezio.
Tolstoj skribis "Resurekto"n, kontuzanta eniro
al vivoforto kaj la ambicio de la homoj,
ĉio sur unu paĝon nur, la unua.
Ho, jes, legu ĝin. Ĉar se ion
poeto devas diri
estas, ke la viv' revenas trafante por si vojon,
kaj ke la homoj
luktas kontraŭ ĉio natura. Kontemplu ankaŭ,
"La printempo"n de Odilon Redon en la
Muzeo Puŝkin:
rozkolora virino kaj nuda sub grandega arbo,
kaj diri pli ja troas en ĉi 21a tago de marto.

Verkis mi antaŭ jaroj tiun ĉi printempon
dum la laŭroj kreskis kaj oferis
venkajn kronojn. Prenu la rozojn
antaŭ senfoliigo. Rozfolioj kaj folioj de libro
sin fordonas al la fragila espero de l' poeto.
*Esperantigis*



**Manel Sales**

**(Hispanujo)**

# Al la idaro

(kantteksto, kompleta versio)
Pardonu l' amaran mienon
Pardonu, ke mankas brakumo
Pardonu la mankon de spaco
Jen kiel tagis al ni

Pardonu pro tiom da riskoj
Pardonu la senŝirmkomplikojn
Pardonu, ke mankas amikoj
Jen kiel tagis al ni

Pardonu, ke mankas folioj
Pardonu, ke mankas aer'
Pardonu l' senrajton elekti
Jen kiel tagis al ni

Post fari la netan kopion
Post tranĉi la nodajn ligilojn
Post la malstreĉiĝo de l' zonoj
Festu, ja festu por mi

Post fino de ĉiuj rankoroj
Post kiam laviĝos l' animo
Post kiam laviĝos la akvo
Lavu l' okulojn por mi'

Kiam reburĝonos floroj
Kiam l' arbar' reverdigos
Ce la rikolto de l' fruktoj
Diru la guston al mi ( bis )

## Edgar Allan Poe (1809 -1849)



# Anabel-Li

En tre distanca temp', longfora jar',
en regn' for de tie ĉi,
certfama pucel' vivis, apud mar',
kun la nom'Anabel-Li.
Kaj l' pucela pens' striktis nur al am'
kiun reciprokis ni.

Mi adoleske, ŝi adoleske,
ĉe la regn' mara jen ni,
en am', am' kiu estis pli ol am',
por mi kaj Anabel-Li,
am' tia, ke l' serafoj en ĉiel'
avidis pri ŝi kaj mi.

Kaj tio estis la kaŭz' ke iam
en la regn' mara de ni
vent' ekblovis el nub' frostigante
la belan Anabel-Li,
tiom, ke nobel' rilata al ŝi
venis kaj portis ŝin kun si de mi
por sepulti ŝin en fridan tombon
en la regn' mara de ni.

L' anĝeloj, kun mank' de l' ĝu' de ni du,
senĉesavidis pri ni.
Jes, tio estis la ververa kaŭz'
ke (en tiu regn' de ni)
iam nokte vent' ekblovis el nub'
mortfroste al mia Anabel-Li.

Sed nia am' multfortis, pli ol l' am'
de la pli oldaj ol ni,
de l' tre pli saĝaj ol ni,
do l' anĝeloj en l' altaj ĉieloj

aŭ l’ demonoj en submaraj tronoj
povas ne iam l’ animon mian
teni sen Anabel-Li.

Ĉar lunbril’ miajn sonĝojn igas pri l’
belbela Anabel-Li,
kaj stelĉiel’ ‘stas ĉiam l’ okulhel’
de l’ bela Anabel-Li...

Do laŭ l’ nokttajdlud’ mi kuŝas apud
mia tre tre kara, en nuptprelud’,
ŝi en sia tomb’, la maro ĉe ni,
ŝi entombe laŭ l’ mara simfoni’.

*Esperantigis*



**Ŭel Roŝa (Brazilo)**

**Włodzimierz Zagórski (1882-1927)**



# INTERPAROLO DE EBRIULO KUN LUNO

Por kia cel’ ekzistas vi,
Dum nokt’ al luno diris
Hejmen iranta ebriul’,
Eĉ lun’ pro tio miris:
Post ter-patrino kuras vi
Tenante jupon “ŝian”.
Vin kondukante – havas “ŝi”
Perturbon rotacian!
Per sun-eklips’ angoras nin
Kaj teron - vi senlime,
Skuante eĉ per “ŝia” sin’
Senhonte, sen-estime;
Ciklonojn, plagojn en sekret’
Vi ĉiam al ŝi donas,
Al vi hund’ hurlas – kaj poet’
Versaĵojn ja komponas!
Mortpale “ŝin” lumigas vi
Vaganta en ĉielo.
Per prunteprenita radi’
Kontraŭe al la stelo.
Buŝaĉon kun arĝent-makul’
Kovritan per pustuloj –
Vi havas – stulta ebriul’
Drinkanta nur nebulojn!
En sekvantar’ de steloj, vi
Tendar-servisto estas.
Per prunteprenita radi’
Por mi vi ne majestas.
Ŝajnigas teron trompitul’,
Sed multaj pesimistas,
Ke unu eĉ sur via bul’
Drinkejo ne ekzistas!
Por kio do vin kreis Di’?
...Arĝenta mallertulo!
Por mi ja ne utilas vi
Kaj restas kvazaŭ nulo!!
Jen ekster la nuba embusk’
Grumblulon lun’ priridas:
-Ja ebriulojn dum krepusk’
Mi hejmen ĉiam gvidas!

*Esperantigis*



**Edward Jaśkiewicz**

**(Pollando)**

**Jules Supervielle (1884-1960)**



# Ribelo

Mi vidis bonajn homojn perei pro torturo,
Infanetajn ridetojn viŝitaj de teroro
Kaj bluegajn okulojn pograde estingiĝi
Ne sciantaj mensogi nek kapablaj ŝajnigi.

Mi vidis parfumojn de vento balaitajn
Velkintajn rozojn kaj foliarojn mortajn,
Ankaŭ brulantajn plorojn, tro grandajn kordolorojn
Tro da sango elflui el honestulaj koroj.

Mi vidis por nutri sin virinojn devigitaj
Prostituiĝi, kaj ve! morti infanoj multaj
Ĉe laboro, oldulojn kun senkarnaj vizaĝoj
Daŭre strebantaj apud siaj atendantaj tomboj.

Kaj ĉar mi ĉiam sentas malsaton kaj maljuston
Ĉar mi vidas etulon premita de grandulo
Kiam juro forsvenis pro forto kaj malvirto,
Mi ne kredas je io, ja krom je nenieco

*Esperantigis*



**Tjeri (Francujo)**

## Zhuangzi (369-286 a.K)



Zhuangzi

## ĈAPITRO KVINA

# Signoj de kompleta honesteco

### §05-05

Iu ĝibulo, kiu estas lama kaj senlipa, iris proponi siajn konsilojn al la duko Ling de la regno Wei. Li tre plaĉis al la duko, tiel ke tiu, rigardante normalajn homojn, trovas ilian kolon tro longa.

Iu homo kun granda tumoro sur sia kolo iris proponi siajn konsilojn al la duko Huan de la regno Qi. Li tre plaĉis al la duko, tiel ke tiu, rigardante normalajn homojn, trovas ilian kolon tro malgrasa kaj malgranda.

Kaj tial por homoj kun alta virto iliaj korpaj difektoj povas esti forgesitaj. Se homoj ne forgesas, kion ili devus forgesi, kaj forgesas, kion ili ne devus forgesi, tio estas vera forgeso.

Tial la saĝulo ĉiam vagadas en la regno de harmonio. Li rigardas la inteligentecon kiel la originon de krimoj, la konvenciojn kiel gluon, la favorojn kiel logaĵojn, kaj la ruzaĵojn kiel komercajn rimedojn. Ĉar la saĝulo neniam intrigas, kian utilecon do havas por li la inteligenteco? Ĉar la saĝulo neniam distranĉas la amikecon, kian utilecon do havas por li la gluo? Ĉar la saĝulo perdas nenion, kian utilecon do havas por li la logaĵoj por ion akiri? Ĉar la saĝulo neniam serĉas profiton, kian utilecon do havas por li la komercaj rimedoj? La kvar kvalitoj de la saĝulo estas donacoj dotitaj de la Ĉielo. Tiuj ĉi ĉielaj donacoj estas nutraĵoj liveritaj de la Ĉielo. Por tiu, kiu ricevas de la Ĉielo naturan nutraĵon, kian utilon do havas ĉio artefarita? Li havas la homan formon, sed ne la homajn emociojn; ne havante homajn emociojn, li neniel estas ĝenata de tio, kio estas prava, nek de tio, kio estas malprava. Kiel sensignifa estas tio, per kio li apartenas al la homaro! Kiel impone granda estas tio, kio identigas lin kun la naturo!

### §05-06

Huizi diris al Zhuangzi:

“Ĉu la homo origine havas neniajn emociojn?”

“Certe,” respondis Zhuangzi.

“Kiel do la homo povas esti nomata homo,” rediris Huizi, “se li havas neniajn emociojn?”

“La Taŭo donas al li la aspekton kaj la Ĉielo al li la korpon,” respondis Zhuangzi. “Kial do li ne devus esti nomata homo?”

“Sed, ĉar li estas nomata homo,” demandis Huizi, “kiel do li povas havi neniajn emociojn?”

“Tio ne estas, kion mi volas diri per emocioj. Tio, kion mi volas diri per ‘havi neniajn emociojn’, estas ke la homo ne difektas siajn naturajn kvalitojn per tio, kion li

amas, nek per tio, kion li malamas. Li devas ĉiam sekvi sian naturon kaj trudi nenion aldonan al sia vivo.

"Se li ne penas aldoni ion al sia vivo", demandis Huizi, "kiel do li povas konservi sian vivon?"

"La Taŭo donas al li la aspekton," respondis Zhuangzi., "kaj la Ĉielo donas al li la korpon. Li do ne devas difekti sian korpon per tio, kion li amas, nek per tio, kion li malamas. Nun vi trouzas vian energion kaj streĉas vian spiriton. Iafoje vi apogas vin kontraŭ arbo kaj kantas; iafoje vi apogas vin kontraŭ tablo kaj dormetas. La Ĉielo donis al vi korpon, kaj tamen vi uzas ĝin por babiladi en via senutila diskutado pri "malmoleco" kaj "blankeco!"

*Elĉinigis*



**Wang Chongfang**

**(Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



## Sub la luno

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

Lun'
flagras surĉiele nun
komforte
en nuba brakum'.

Lum'
ĝia —jen opala fum'
filtriĝas
tra nub' de aŭtun'.

Per
tremaj briloj kun leĝer'
karesas
amparon sur ter'.

Li,
pasia, kveras kun ŝi
intime
en kiso-seri'.

Vent'
ekblovas el firmament'
susure
kun aroma tent'.

For
nuboj en tiu ĉi hor'
vanuas
disen en langvor'.

El-
venas la lun' sur ĉiel'
purbrile
kun plenluma bel'.

Ŝi
kaj li en ama mani'
kuniĝas
treme kun pasi'.

Al
la lunlumo de kristal'
sin ŝuldas
am-festival'.

** Deskses-Silabo: ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de 1, 7, 35 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa (x=senrima)*

## Jadranka Miric (Serbujo)



## Vulpino kaj Cikonio

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Vulpino
fi ruzgalanta
alvokis cikonion

al la dom'. Mi ludanta
vi delikanta.

Je alta
bestonivel', ho
mi preparonta al vi
surprizon sen lamento,
sen ridoeĥo.

Do, venis
Cikoni' kara
al jam surtabligita
tablo. Plena plado ara
ĉe vulpopara.

Satmanĝis
vulpino, sed ne
blanka cikoni'. "El mal-
profunda teler"?!" Vane
mi venis.Plu ne.

Cikoni'
decidis al ŝi
venĝi. Por manĝi servis
en boteletojn al ŝi.
Fuĝis, vulpino fi.

## Virino kaj kokino

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Delonge
mi aŭdis tiun
fablon. En vilaĝ' iu
vivis vidvino kiun
ni ekkonos nun.

Fratino
ŝia loĝis for
de ŝia vilaĝo. Solas
ŝi. La Ĉielokolor'
estis ŝia kor'.

Decidis
ŝi malkutime
ŝanĝi ĉion. Komence
gajiĝis plenanime,
sed dubis time.

Kokino
po ovon tage
donis. Ju pli nutros ŝin
des pli ĝi donos tage.
Manĝo senpage.

Dirite
farite. Kokin'
grasiĝis nekapabla
plu doni ovojn. Jen, fin'
por ora kokin'.

***Moral instruo***

*Se homo deziras cxiam pli ol ili/iŝi posedas kutime perdos kaj tun poseditan*

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Xuan Ding（1832—1880）

# ELEGANTA FRAŬDO

S-ro Zheng Banqiao（1693-1765）estis majstra kaligrafo kaj pentristo en Qing-dinastio. Kiam li estis ankoraŭ senfama instruitulo, li trifoje venis al Hanjiang (en nuna Jiangsu-provinco de Ĉinio) vendi siajn verkaĵojn sed renkontis nur flegman apation de publiko. Poste li sukcese trapasis la metropolan ekzamenon kaj fariĝis tre fama kaj distingita. Kiam li refoje venis al Hanjiang, li renkontis amasojn da adorantoj kiuj svarmis ĉe lia domo konkure aĉeti liajn kaligrafaĵojn. Zheng Banqiao ne povis forgesi la malriĉajn tagojn kaj rigardis sian verkaĵon ankoraux pli kara. Lia amiko s-ro Shen Fanmin faris por li sigelilon kun teksto "La Malnova Banqiao (Tabulponto) Antaŭ Dudek Jaroj" Tio ja aludas pri indigno en lia koro.

Okaze la Majstra taŭisto Verulo Zhang de

Jiang-xi pretervoje venis al Hanjiang post vizito al la imperiestro, la lokaj komercistoj de Hanjiang konkure flatis al la Verulo. Ili volas akiri kaligrafaĵon versparon verkitan de Zheng Banqiao kaj donaci tion al la Verulo. La komercistoj anticipe mendis paperon je supergranda mezuro de longeco je pli ol dek futoj kaj larĝeco je pli ol ses futoj. Tia granda papero ja estas senprecedence unika. La komercisto sendis komisiiton al s-ro Zheng Banqiao kun peto ke li verku kaj belskribu versparon. Kiam la komisiito demandis pri la prezo, s-ro Zheng Banqiao respondis： “Mil taeloj da arĝento.” La komisiito konsentis pagi nur 500 taelojn. S-ro Zheng Banqiao rapide ellaboris la unuan verson kiu legiĝas：“La vera premiero en la Drako-Tigra Monto”. Vidante ke s-ro Zheng ĉesis daŭrigi, la komisiito petis lin verki la duan verson. Ridante s-ro Zheng respondis： “Mi jam diris ke la prezo estas mil taeloj da arĝento, nun vi pagas nur 500 taelojn, tial mi donas al vi ankaŭ nur duonon de la versparo.” La komisiito raportis tion al la komercisto, kiu vole-nevole pagis la petitan sumon. S-ro Zheng tre rapide ellaboris la duan verson： “La Vivanta Feo en la Unikorna Pavilono”. Ĉiuj legantoj laŭdis la versparon mirinda.

Post disfamigo de la supredirita epizodo, ĉiuj komercistoj de salo tre adoras s-ron Zheng Banqiao. Ili konkure aĉetis diversformajn belskribaĵoj de s-ro Zheng: ĉu versparoj, rulpendaĵoj aŭ kaligrafaĵoj sur kvadrataj paperfolioj. Tiuj kiuj sukcese akiris kaligrafaĵojn de s-ro Zheng, sentas sin honoraj. Tamen, inter la komercistoj de salo estas iu nomata Fonteto, kiu naskiĝis kaj kondutis tre malnobla. Tio vekis tiel grandan malŝaton de s-ro Zheng Banqiao: Li konsentis vendi neniun sian verkaĵon al Fonteto malgraŭ kiom ajn multe da monoj Fonteto volonte pagis. Ĉirkaŭrigardante al muroj de sia salono, Fonteto trovis en sia hejmo nenion el verkaĵoj de s-ro Zheng Banqiao. Pro tio li sentas sin hontinda.

S-ro Zheng Banqiao tre emas ekskursi. Iutage, portante sakon de poemoj kaj servoknabon, Zheng Banqiao libere vagis al la orienta antaŭurbo de Yangzhou kaj iom post iom venis al senhoma loko. Inter senordaj tomboj jen vidiĝas malklare domo kaj kuirfumoj. Dancas salikoj apud floroj. Ridante s-ro Zheng Banqiao demandis al si ： “Ho, ĉu cxitie loĝas ermito?” Li transpasis monteton. Kuŝas pli multe da tomboj kaj la pado fariĝis pli malvasta. Sin turnante s-ro Zheng Banqiao ektrovis malgrandan vilaĝon kaj delikatan kabanon. Troviĝas nek muroj nek najbaro: Malgranda ponteto kondukas rekte al la pordo de la kabano. Sur la tabulo legiĝas titolo: “Nesto de la Stranga Avo”. Li eniris la pordon kaj vidis alian tabulon kun skribaĵo“Seniĝu Spuroj de Riĉulo”. En la korto estas birdoj en kaĝoj kaj fiŝoj en akvario inter prosperaj floroj. Vidiĝas novaj baŝooj kiu havas grandecon nur de manplato. Tamen la novaj salikoj kreskas pli altaj ol homo. Fronte al sudo sidas du ĉambroj, ege puraj sen polvo. En la ĉambro estas unu tableto, unu tablo, kvar seĝoj, ligna kanapo kun liana kapkuseno kaj libroŝranko, sur kiu kuŝas liuto kaj spado. Sur la skribotablo estas pretaj skribiloj kaj paperoj. Sur la muro pendas pentraĵo <Riparo al la Ĉielo far la Feino Nvwa> pentrita de Xu Wei. El fornoj ŝvebas fumoj al aero. Li rimarkis ke la pentraĵo estas aŭtenta artaĵo. Tamen la muroj de ambaŭ flankoj vidiĝas blankaj tute vakaj kun neniu pendaĵoj. S-ro Zheng Banqiao ege amas la ĉambrojn. Sen demando pri mastro li iris rekte en la ĉambron kaj eksidis ripozi tie.

Subite eliris kalva servoknabo. Post longa observo la servoknabo returnis sin kaj laŭte kriis al la interno：“Alvenas gasto!” Kaj Zheng Banqiao aŭdis ke la mastro pridemandis interne, kun ordono forpeli la vizitanton. Tiam la servoknabo de s-ro Zheng Banqiao humile raportis la nomon de sia mastro. Post nelonge

elvenis la mastro, portanta kaptukon uniformon kaj ŝuojn de taŭisto. Li tenis polvoforigilon en mano. Jen digna maljunulo. Ili interŝanĝis iom da komplimentoj kaj sentas sin intimaj. S-ro Zheng Banqiao demandis pri la nomo de la maljunulo kaj tiu respondis ： “Mi havas familian nomon Zhen, estas lokano de Xichuan kaj migris ĉitien. Pro mia stranga konduto oni nomas min Stranga Avo.”

S-ro Zheng Banqiao demandis pri kio aludas la vortoj “Seniĝu Spuroj de Riĉulo”, kaj la maljunulo respondis: “Lastatempe inter riĉuloj de nia urbo Yangzhou furoras ŝato pri elegantaj kondutoj. Informiĝinte ke mi havas ĝardenon kun belaj floroj kaj plantaĵoj, ili konkure venas rigardi. Tamen tiaj uloj tutkorpe odoras je fiodoro de oro kaj arĝento. Post kiam ili venas al mia kvieta loko, ofte okazas malutiloj al ili: Aŭ ili falis en akvon, aŭ pikiloj de plantaĵoj kroĉis al ili je vestaĵo, aŭ ili estis vunditaj de la plantaĵoj je la piedoj, aŭ birdaj fekaĵoj malpurigis ilian ĉapon. Plej strange estis ke iutage tegolo falis kaj trafis al lia frunto kaj tie rapide sangis. La vundito forkuris kaj ili interavertis ne plu eniri mian ĝardenon. Tial mi faris la tabulon averti. Estimata sinjoro, se vi estas neriĉa homo, estas sendanĝera. Se vi estus riĉulo, mi timas ke ankaŭ okazos io malfeliĉa al vi.”

Aŭdinte tion, s-ro Zheng Banqiao suspire diris：“Ho, ankaŭ mi tre malŝatas tiajn riĉulojn. Estas feliĉe ke mi ne estas riĉulo kaj povas sekure eniri vian ĝardenon aŭskulti vian instruon. Kiel feliĉa mi estas! ”

Post momento, la servoknabo alportis bonkvalitan teon. La maljuna avo ekludis liuton. Aŭdiĝis kvazaŭ susuro de ventblovo, sed oni ne sciis kiun melodion li ludis. Tamen la vigla tono estas tre plaĉa kaj iom post iom fariĝis serena kaj subite ĉesiĝis. La maljuna avo demandis al la gasto: “Sinjoro, ĉu vi povas drinki?”

“Jes.”

“Tamen nun mankas taŭgaj pladoj. Kion fari?”La maljuna avo diris al si ：“Nun en mia kuirejo estas bona hundaĵo. Sed ĉu estas dece ke mi per tio regalu honorindan gaston?”

Fakte s-ro Zheng Banqiao tre ŝatas manĝi hundaĵon. Tial, la parolo de la maljuna avo ĝuste vekis lian frandemon kaj li diris al la maljuna avo ：“Ho, mi ja tiel arde ŝatas manĝi hundaĵon, ke mi eĉ volas ke al ĉiu hundo kresku ok piedoj.”

La maljuna avo ĝoje diris ： “Ho, bona deziro!”

Kaj li ordonis aranĝi festenon sub floroj, kie ili ĝoje manĝis kaj drinkis. Krom hundaĵoj, estas ankaŭ aliaj pladoj de legomoj, ĉiuj tre bongustaj. La maljuna avo ebriiĝis. Li ektiris spadon kaj dancis kun flagroj de la armilo. Kvankam ni ne scias pri lia spaddanco, tamen liaj gestoj taktoplenaj ja similas al tiuj de famaj spadisto. Blanka lumo rulas ronde. Subite la maljuna avo faris kriegon, li saltis el la lumaĵo, revenis al sia malnova sidloko kun neniom ŝanĝita mieno.

S-ro Zheng Banqiao stariĝis kun saluto laŭdante： “Vi estas vera noblulo. Bonvole eldrinku grandan pokalon! Mi sentas bedaŭron pro nia tro malfrua interkonatiĝo!”

Tiam la suno jam subiras malsupren post la monto. S-ro Zheng Banqiao volas foriri. La maljuna avo sendis lin transiri la ponton kaj diris ： “Vi kaj mi ambaŭ estas homo kun malkontento pri la malpura mondo. Se vi havas libertempon, bonvole vizitu al mi.”

“Jes, mi certe venos kiel neinvitita gasto!” Ekde tiu tago li vizitis al la maljuna avo de tempo al tempo. Ili ĝoje interbabilis kaj sentis neniom da laciĝo. Ĉiufoje s-ro Zheng revenis hejmen nur post ebriiĝo.

Tiel forpasis pli ol unu monato. Iom post iom ili parolis ankaŭ pri poezio kaj ĉiam trafis la esencon, tamen ili neniam parolis pri belskribo. Iutage, s-ro Zheng Banqiao fine ne plu povis reteni sin pacienca kaj diris al la maljuna avo： “Ĉu vi scias ke mi ankaŭ estas tre lerta pri kaligrafarto?”

La maljuna avo konfesis：“Ne.”

S-ro Zheng Banqiao daŭrigis parolante：“Mi opinias ke mi dronis en kaligrafarto jam sufiĉe longe kaj atingis majstrecon. Nun la kleruloj pro amo al la belskribaĵoj konkure volas aĉeti miajn verkaĵojn sed por ili tio estas malfacila afero. Mi vidas ke viaj muroj ankoraŭ restas vakaj, kial vi ne eldonu blankajn paperojn por ke mi povus prezenti mian kapablon kaj per tio mi ankaŭ povus iom danki vian komplezan regalon?”

La maljuna avo ĝoje diris：“Nu, bonvole do drinku plian pokalon!”

La maljuna avo ordonas al lia servoknabo ke li komencu pretigu inkon. Sin turnante al s-ro Zheng Banqiao la maljuna avo diris：“Mi konservas bonajn paperojn jam dum tre longa tempo. Ĉar mi neniam renkontis majstron kiel vi, tial miaj muroj ĉiam restas vakaj. Nun, se ni jam interkonatiĝis, kial mi volas perdi la bonan ŝancon?”

S-ro Zheng Banqiao ĝoje stariĝis. Li vidis ke en la ĉambro jam pretiĝas ĉia skribilaro, kaj tuj komencis fari belskribaĵon. En mallonga momento li rapide faris pli ol dek verkaĵojn. Poste li volas doni surskribon sur la verkaĵoj. Tiam la maljuna avo diris：“Mia alnomo estas Fonteto. Se vi skribas tion sur viaj verkaĵoj, mi sentas grandan honoron.”

Kun miro s-ro Zheng Banqiao demandis：“Ho, kiel nobla klerulo, kial vi havas tiun alnomon kiel tiun de la komercisto?”

La maljuna avo respondis：“Tio okazas nur hazarde. Iam en Lu-regno ankaŭ vivis du homoj kun sama nomo Zeng Shen, sed je kio malutilas la samnomeco? Ĉar la klara kaj malklara fontoj distingiĝas per si mem.”

S-ro Zheng Banqiao kredis lian klarigon kaj vere skribis “Donace al S-ro Fonteto” sur la verkaĵoj.

La maljuna avo diris：“Viaj kaligrafaĵoj estas vere trezoraj, kiuj honorigas miajn murojn. Tamen, bonvole ne donu tion al la komercisto, ĉar ili ofte estas blindaj, ne povante distingi verajn perlojn kaj difektos vian puran famon.”

S-ro Zheng Banqiao tre konsentis lian parolon. Poste ili denove drinkis kaj s-ro Zheng revenis hejmen nur je noktomezo.

Amikoj demandis al s-ro Zheng: Kien li vizitis? Kaj s-ro Zheng Banqiao forte laŭdis pri la maljuna avo.

La amikoj diris：“Sed en Hanjiang neniam vivis tiu maljuna avo. Ĉu tiu, kiun vi renkontis, estas monstro? Kaj laŭ via diro lia loĝejo troviĝas en sovaĝejo, kie loĝis nenia homo. Morgaŭ ni kune vizitos tien por solvi nian dubon.”

La sekvan matenon, amikoj vere akompanis s-ron Zheng reviziti al la loko, sed ili vidis nenian kabanon. Vidigxas nur kuranta fluo kaj senordaj stumpoj de manĝaĵoj dise sur la tero. S-ro Zheng Banqiao sentas grandan miron, supozante ke li renkontis fantomon. Sed li rapide komprenis kaj admiris dirante：“Ho, vere ruza estas la komercisto, ke li eĉ scipovas fraŭdi miajn verkaĵojn laŭ stilo de Xiao Yi en Tang-dinastio!”

Reveninte hejmen, s-ro Zheng Banqiao sendis homon subrigardi kaj trovis ke sur la muroj en la domo de la komercisto Fonteto nun plenplene pendas la verkaĵoj de s-ro Zheng, kies inko eĉ ankoraŭ ne suficee sekiĝis.

*el la libro <En Pluva Nokto Sub Aŭtuna Lampo>*

*Esperantigis*

**Guozhu (Ĉinujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_